# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 04/04/2014 Cent kvindeknaŭa eldono 05/04/2014 SENDITA (unua eldono 26/09/2011)**



**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



**SENDATA AL 275** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisdatigatan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

## Estontaj kompetentaj Esperantistoj aŭskultas la retradion ĉiun tagon http://members.aon.at/aldone/peranto/index.html

### Tagmeza dormado en entreprenoj elsendo de la 28a de marto.



Labori kaj dormi - tio ne eblas. Aŭ ĉu tamen? En multaj entreprenoj eĉ mallongaj dormetoj estas malŝatataj, kvankam montriĝis pozitiva efiko de tio. La unuaj firmaoj nun kuraĝas kaj disponigas al siaj kunlaborantoj masaĝoseĝojn kaj altteknikajn dormejojn.

Boris Lembke bone rememoras la momenton kiam li atentiĝis pri la dormado de kunlaboranto. La juna kolego tie sidis tute malstreĉite dorsapoge sur sia seĝo kun fermitaj okuloj. Li plenumis dormeton - dum hela tago kaj dum laborhoraro. Kiam li rimarkis sian ĉefon li ektremis kaj balbutis pardonpetojn. La afero por li estis terure embarasa. Sed Lembke, la ĉefo mansignis: "Ĉio en ordo, daŭrigu la dormadon", kaj denove forlasis la ĉambron. Sed en tiu momento Lembke eksciis ke tiu kunlaboranto estis ĉe li en ĝusta loko.

Ktp ktp ----------------------------------------------------------ĝis

Laŭ la spertoj de Lembke la kunlaborantoj de entreprenoj bone akceptas ripozejojn. Tamen se ili devas elekti, ili donas prioritaton al alia baza bezono: la manĝado. Lembke mencias ekzemplon de entrepreno kie la kunlaborantoj povis voĉdoni, ĉu ili preferas ripozejon aŭ manĝejon. La rezulto ne estis surprizo: Venkis la manĝejo.

CRI online http://esperanto.cri.cn/ Bona Esperanto Bonaj Programoj

# 19. (la gramatiko de E.) La Voĉoj. B



Pasintan semajnon vi rigardis pentraĵon, unue vidante maldekstre la viron kaj post tio la agon, la batadon, kaj fine la gramatikan Objekton de “bati”, nome la hundon. Tio estas priskribo nomata la Aktiva Voĉo, el de la faranto de la ago al la ricevanto de la ago.

Post tio vi ree rigardis al la pentraĵo, sed unue vi vidis la hundon, post tio la agon, la batadon, kaj fine la viron kiu faris la agon. Ĉi tiu priskribo de la sama okazaĵo nomiĝas la Pasiva Voĉo, ĉar vi rigardis el dekstre al maldekstre, kio okazis. Vi do interesiĝis pli pri la hundo ol pri la viro, sed menciis ambaŭ.

Nun vi ree rigardas nur unue al la hundino, kaj vidas kaj diras ke batoj falas sur ŝin (la hundinon). Sed vi ne vidas aŭ ne diras el de kie venas la batoj; povas esti io aŭ iu ajn, aŭ vi mem, aŭ nevidata forto, aŭ nenio. Sed vi ne vidas aŭ ne volas diri de kie venas la batoj. Tio estas la Mediala Voĉo, kaj vi diras nur, kio okazas al la hundo: ĝi ricevas batojn kvazaŭ io aŭ iu faras la batojn.

Marcel Leereveld.

# Pasintaj numeroj de ‘Aŭstraliaj Esperantistoj’

## Sur la **retpaĝo de AEA** http://aea.esperanto.org.au/

Finfine (post sennombraj horoj) mi alŝutis ĉiun eldonon, de la unua ĝis la plej freŝa, de “Aŭstraliaj Esperantistoj” al la AEA-retejo.
La adreso (en la angla) estas: http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj
kaj en Esperanto: http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo
Ĝuu!
Amike, Jonathan Cooper

# Rainer ĉe Ĉina Radio Internacia



Mi salutas ĉiun samideanon el Aŭstralio. Dum la lastaj tri monatoj mi havis tre bonan restadon en Sidnejo kaj Kanbero Mi nun estas survoje al Germanio kaj gastas dum unu semajno ĉe Ĉina Radio Internacia, kiu multe raportas pri mi. Raportoj kaj bildoj pri mia Ĉina vojaĝo estas videblaj ĉe:
http://esperanto.cri.cn/other/kurz/index.htm
http://esperanto.cri.cn/802/2014/03/26/173s160504.htm
http://esperanto.cri.cn/1601/2014/03/27/173s160565.htm
Ĝis baldaŭ Rainer

# Esperanto kaj UN Numero 9, Marto 2014

**Informilo de la Oficejo de Universala Esperanto-Asocio ĉe Unuiĝintaj Nacioj**

(Reta versio ĉe: esperanto-un.org/dokumentoj)

## Irana Kongresa Foto



Karaj,

Mi trovis tiun foton en Facebook kun la partoprenantoj de la Irana kongreso.

Paul Desailly estas supozeble la viro kun blanka ĉemizo dekstre. Amike, Nicole



## SENDU NOVAĵON, FOTOJN DE VIA KLUBO AL LA MONDO

# Mesaĝo al ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj, ĉie, de la antaŭa Prezidanto de AEA, Diano:



Mi gratulas la Esperantistojn en Sidnejo, kiuj starigos tiel gravan aferon kiel "esperantotv.net". Vi certe malfermos novan teron por la 21a jarcentuloj. Ni havas la teknologion, nun vi uzos ĝin per kaj por la estonteco de Esperanto en Aŭstralio kaj tra la mondo.

La Lanĉo de esperantotv.net estis vivstara evento, kiun vi povos transdoni al viaj genepoj kaj viaj Esperantaj posteuloj, ktp.

Vi mem povus trovi lokon ene de ĝi por malkovri viajn talentojn, kaj por helpi la strebon, ĉu ne?

Bondezirojn al ĉiuj. Amike, Diano Lukes




# la oficiala lanĉo de Esperanto-TV

Saluton,

Jen malgranda artikolo pri la oficiala lanĉo de Esperanto-TV

**Sidnejo, Aŭstralio:** La sola IPTV-kanalo de la mondo, en la internacia lingvo Esperanto, debutos la kvinan de aprilo 2014. Ĉi tiu nova televid-kanalo estos elsendita per alt-rapida Interreto kun IPTV-teknologio. Ĝi estos disponebla tutmonde per ĉiuj iloj, kiuj havas alt-rapidan Interretan konekton, t.e. Interret-ebligitaj televidiloj, komputiloj, tabulaj komputiloj kaj [lertaj] poŝtelefonoj (Android kaj iOS), kaj pliaj plivastiĝo kaj klienta subteno estas planataj por aliaj kontinentoj meze de 2014. La enhavo estos plejparte en la internacia lingvo Esperanto, kaj konsistos el originalaj aŭ dublitaj unikaj kaj allogaj programoj, kaj ankaŭ "zorge elektitaj filmetoj kreitaj de kontribuantoj ĉirkaŭ la mondo. La ĉefa celo de la nova elsenda kanalo "Esperanto TV" estas liveri allogan enhavon al ĉiuj niveloj de parolantoj de Esperanto, de komencantoj ĝis denaskaj parolantoj. Kelkaj programoj estos ankaŭ en aliaj lingvoj, kiel ekz-e lingvaj kursoj por anglalingvanoj. "Esperanto TV" estas rezulto de kunlaboro inter la sidnej-baza Language Festival Association (Asocio de Lingvaj Festivaloj) kaj la aŭstralia amaskomunika kompanio iStreamStudios. Reprezentanto de la estraro de "Esperanto TV", Richard Delamore priskribas ĝian celon kiel 'Servi kaj kreskigi la esperantan komunumon ĉirkaŭ la mondo, kaj ankaŭ provizi al ne-esperantistoj enrigardojn en ĉi tiun unikan komunumon.'

**Detaloj kaj demandoj**

Oficiala Fejsbuka Grupo

info@esperantotv.net

Informis Richard Delamore

# Ekspozicio "Esperanto kaj kolektado" demandas pri viaj kolektoj

La 27-an de septembro en 2014 (kadre de la tutŝtata filetala ekspozicio) okazos ankaŭ inaŭguro de la nova tutjara ekspozicio kun la supra temo en la Esperanto-Muzeo Svitavy en Ĉehio. Por ke ĝi estu laŭeble plej kvalita kaj bunta, organizantoj bonvenigus kunlaboron de Esperanto-kolektantoj!

Ni serĉas interesiĝantojn, kiuj pretus senpage disponigi por unu jaro elekton el siaj kolektoj. Bona pritrakto kaj protekto kontraŭ damaĝo aŭ ŝtelo estos prizorgita. Nomoj (kaj laŭ interkonsento fotoportretoj) de la ekspoziciantoj estos videble menciitaj. ĈEA pretas repagi sendokostojn de la pruntedonantoj kaj siakoste ankaŭ bonorde resendi la materialojn post fino de la ekspozicio.

Ni serĉas ekspoziciaĵojn en la sekvaj kategorioj:




1.) **"Esperantaĵoj"** (prioritate filatelaĵoj: poŝtmarkoj kaj kovertoj, kaj tridimensiaj objektoj (suveniroj kun Esperanto-motivoj, kuriozaĵoj) sed ankaŭ insignoj, glumarkoj, medaloj, kalendaroj ktp (ne tiom bildkartoj, krom historiaj ĝis 1939).

2.) **"Kion kolektas esperantistoj"** - specimenoj el diverstemaj kolektaĵoj pri NEesperantaj temoj: ekz. moneroj kaj bankbiletoj, artaĵoj, popolmetiaj objektoj, folkloraj pupoj, ludiloj ĝenerale k.t.p.

3.) **"Kuriozaj suveniroj el eksterlando"**

Bv. sendi vian ĝeneralan oferton al la adreso muzeagrupo@esperanto.cz (kun priskribo kaj laŭeble fotaĵoj de la ekspoziciaĵoj). Nur post konkreta interkonsento bv. sendi la elektitajn objektojn. Alikaze ĈEA ne garantias kovron de sendokostoj aŭ ekspoziciigon. Eblas kompreneble ankaŭ persona transdono en Svitavy (aŭ dum Regiona renkontiĝo en Litomyšl). Dankon por via komprenemo, ni antaŭdankas vian intereson, kaj antaŭĝojas pri la kunlaboro!

laŭ Retkomunikoj de ĈEA, 2014/01

**Szilvasi Laszlo / Lingvo-Studio, LS** Plusendis Katja Steele



# La Melburna Esperanto-Klubo

kunvenas ĉiujn lundojn, 6.30ptm ĝis 8.30ptm

ĉe Ross House, 247 Flinders Lane

"La Melburna Esperanto-klubo bonvenigis du Adelajdajn vizitantojn al nia kunveno hieraŭ vespere, Charles kaj Michael.

La aliaj ĉeestantoj estis Marcel Leereveld, Ken Rolls, Jenny Bishop, Heather Heldzingen, Karlo Egger, Joanne kaj Peter Johns, Ian Green, Esther Parris kaj Jim Radford.

Ni ĝuis viglajn diskutojn, divenludojn kaj gramatikajn klarigojn de Marcel.

Sendis Heather Heldzingen"



# Bondezirojn al Max Wearing



"La Melburna Esperantistoj sendas al Max Wearing niajn bondezirojn kaj esperojn por baldaŭa resaniĝo post lia koroperacio.

La Melburna Estraro."

# Vizitonto el Malajzio



Saluton karaj samideanoj.

Mi estas Francisko, Argentinano sed nun laboranta kaj loĝanta kun mia familio en la malgranda insulo Labuan en Malajzio.

Ni estas tro feliĉaj ĉar al mi eblas partopreni en la internacia triatlono kiu nomiĝas Ironman Triathlon en la urbo Port MacQuarie dum la tago 4majo14.

Ni vojaĝos el Malajzio ĝis tiu urbo rekte sed kiam ni revenos ni restos ĉe la urbego Sidnejo dum la tago 7-8majo14.

Se eblas mi ŝatus renkonti samideanojn kiel mi ĉiam faris kiam ni vojaĝas eksterlanden.

Mia FB paĝo estas Francisco Zilli kaj vi estas bonvena por aliĝi al mia amikaro.

Ni akiris nian vizon por eniri  Aŭstralion antaŭ du tagoj kaj ni ne scias kion ni faros en Sidnejo sed mi ŝatus renkonti samideanojn eble ĉe kafejo, eble ĉe restoracio por manĝi nokte.
Mi vogaĝos  kun mia familio, edzino kaj du infanoj.
Nun mi estas laboranta ĉe la maro en petrolŝipo sed mi parolos kun edzino por scii ĉu ŝi volas uzi la Esperanto-domon aŭ hotelon. En kiu parto de la urbo estas la Esperanto-Domo?
Mi sendas al vi iujn fotojn kun samideanoj en kelkaj partoj de la mondo kie ni renkontiĝis kiam ni vogaĝis, Usono kun Filipo, Angolo kun samideanoj, Kongo , Koreio, Pokaharo – Nepalo, kaj kun Razeno en Katmanduo-Nepalo.
Dankon kaj fartu bone.
Francisko

# Adelajda Lingva Festivalo

Vendredon 16 kaj Sabaton 17 Majo 2014

http://hss.adelaide.edu.au/linguistics/alf/

Trevor Steele parolos pri Esperanto.
Amike, Nicole




Estu parto de la historio de Esperanto en Aŭstralio.     Sendu novaĵon al AE